# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

JANUARO—FEBRUARO 1941.
37-a Jaro — N-ro 487 (1)

Jara abono . . . Fr. sv. 10. —
(Kun libropremio kaj jarlibro)
Anonco: Korespondado du linioj . . . . . 1. —
Reklamo: Kolonero unu centimetra . . 1. —

Poŝtĉeko svisa: Genève I 2310.
Poŝtĉeko franca: Lyon 221-76.

ENHAVO:



Redakcio: Palais Wilson, GENÈVE, Svislando

Fondinto: Hector Hodler, † 1920
Redaktoro: Hans Jakob.

Presita 28 februaro 1941.

## Ni havu fidon!

Dolore tuŝitaj, ni esperantistoj observas la okazantaĵojn. Kaj kun koro tremanta ni nin demandas „kio okazos ankoraŭ“? La rajdo antaŭen de la apokaliptaj kavaliroj daŭras.

Esperanto ŝajne malaperas de la scenejo. Esence supernacia, nia ideo povas prosperi nur en tempo normala kaj paca. La kontraŭeco al internacia lingvo, komence bazita sur lingvaj teoriaĵoj, trovis kolosan kunulon en la supernaciismo moderna. La ideo de internacia lingvo estas malbonfamigita kaj klarigita kiel infano de humanec-liberal-juda epoko. La simpla fakto, ke teoriuloj kaj praktikistoj ĉiutempaj okupiĝis pri la solvo de tiu ĉi problemo, estas prisilentata.

Kio estas la kaŭzo de tiu ĉi senkompata persekuto de brila efektivigo de laŭŝajne utopia ideo? La respondo estas ĝojiga por ni Esperantistoj! Niaj malamikoj sentas moralan forton de tiu ĉi ideo de la rekta senpera interkompreniĝo de homo al homo. Lingvo sola ja ne forigas kaŭzojn de konfliktoj inter gentoj kaj nacioj. Anoj de sama lingvo sin kontraŭbatalis same fervore je ĉiuj epokoj. Kaj la Esperantistoj inter si ankaŭ ne estis kaj ne estas nuraj pacanĝeloj.

Sed tio estas nur akcesora. Restas la konstato, ke la lingvo internacia kapablas krei atmosferon de kompreno. Tiu ĉi pozitiva fakto, milfoje vidita, pruvebla ĉiel, puŝis la malamikojn de l'tielnomata internaciismo al detruo de nia movado kaj al ridindigo de nia ideo. Ludas ankaŭ certan rolon, la intenco trudi nacian lingvon kiel regantan idiomon en la interŝtataj kaj interhomaj rilatoj. Spite ĉiuj konataj spertoj pri la rezulto de tia provo, ĝi tamen estas farata.

Ĉu ni Esperantistoj nun iĝu apostatoj, brulantaj hodiaŭ tion, kion ni hieraŭ adoris? Ĉu ni kliniĝu simple antaŭ blinda fervoro? Ĉu ni plektu la manojn rezignacie, atendante kaj nenionfarante? Je ĉi tiuj tri demandoj, ekzistas nur unu neta respondo: „Ne, ne, neniam“!

Kiel ajn finos la turmentado nuna, nova ordo venos. Ne tiu, kiun proklamas nunaj ĉefoj, ĉar nova ordo sur rea maljusteco ne havos daŭron. Ĉio dependas de la militfino. Multaj signoj rajtigas nin, kredi je la fina venko de l'justeco. Dume, Esperantistoj ĉiulandaj havu tiun ĉi fidon nerompeblan, kapablan movigi rokojn. Estu fidela al la movado, al via organizaĵo al la aganta Esperantismo: U E A! Subteni ĝin, signifas savi la ideon de Doktoro Zamenhof en novan tempon. Ni havu fidon kaj ni estu fidelaj.

H. Kürsteiner.

# La helpo al la familio Zamenhof

## Sepa raporto: Unu jaro de klopodado

Fininte unu jaron de klopodado por helpi al la familio de nia Majstro (Filo, bofilino, nepo, Fraŭlinoj Lidia kaj Sofia Zamenhof), konvenas resume skizi planon kaj plenumon de tiu ĉi helpo. Dum oktobro 1939, post la pola katastrofo, la Esperantista Interhelpo decidis iniciati ian helpon. Tia helpo nur povas okazi per kolekto de rimedoj, libervolaj donacoj. Estis dissenditaj dum Novembro 1939 iom pli ol sesmil cirkuleroj, el kiuj revenis 84 pro netrovo aŭ morto de l'adresito. Malgraŭ la vere malfavora situacio, kaj spite la provo malkreditigi la iniciaton pere de la Franca Societo por Propagando de Esperanto, alflugis la donacoj, kies rezultaton ni konigas poste.

La diversajn fazojn de la help-verko ni konigis sinsekve en ESPERANTO. Nur je la fino de Majo 1940 ni sciiĝis pri la sorto de la Zamenhofa familio. Kiel kutime trairis la gazetaron (ne-esperantistan) teruriga novaĵoj pri mortkondamnoj de membroj de la familio. Ni evitis publikigi tiajn senzaciajn informojn, ĉar la realaĵo jam estas sufiĉe malĝojiga: Domo detruita, perdo de havaĵo, D-ro Zamenhof arestita kaj malaperinta, leĝaj kondiĉoj kontraŭjudaj, k. t. p.

Post kiam ni havis certecon pri la F. Z., per propramana korespondaĵo, ni organizis la sendon de altvaloraj nutraĵoj plie ni provis organizi la elmigron de F-ino L. Z. al Usono. Kun profunda bedaŭro ni devas konstati, ke tiu ĉi provo ne sukcesis kaj ne sukcesos. La situacio esence ŝanĝiĝis. Eĉ, se la eniro en Ameriko estus absolute certa, kio ĝis nun ne estas, la forveturo, la transitveturo al ia haveno kaj fine la vojaĝo surmara prezentas komplikaĵojn nevenkeblajn. Atendas miloj kaj miloj da personoj en Lisbono, Hispanio, Francujo kaj en Svislando la eblecon daŭrigi la vojaĝon. Konstatinte tion, ni devis rezigni je tiu ĉi klopodo kaj limigi nian helpon al regula sendo de nutraĵoj kaj de mono.

Konvenas danki tie ĉi al la bonvolaj personoj, kiuj nin helpis en la penado, unue al la bonvolaj donacintoj, due al la helpantoj en Genève; Sinjorinoj Joerin kaj Jakob, S-ro Gossweiler, Sinjorino Lynch, al niaj delegitoj en Tallinn,Vilnius, Lisbono kaj Porto kaj fine al nia usona komitatano Sinjoro Dubin.

### Monsendoj

En pasinta numero de ESPERANTO ni anoncis la kolekton de sepcent levoj, enpagitaj ĉe nia ĉefdelegito. Jen la nomoj kaj sumoj de la donacintoj:

S-ro Jozef B. Jakov, Pleven (50), S-ro Toma Ajolov, Plovdiv (50), S-ro D-ro Z. Paskalev, Jambol (50), S-ro Hristo Ivanov, Burgas (100), S-ro Bogomil Radoslavov, Zlatarica (20), S-rino A. Lingorska, Trojan (20), S-ro Angel P. Vaĉev, Trojan (40), S-ro Minko D. Topalov, Trojan (40). S-ro Nikola Vasilev, Trojan (30), S-ro Vasil Mitovski, Trojan (40), S-ro Nikola Nikolov, Trojan (20), S-ro Ilija Koniŝev, Trojan (20), S-ro Simeon Kavrakov, Trojan (40), S-ro Pavel Stojĉev, Trojan (20), S-ro Peter Totev, Trojan (20), S-ro Mirĉo Vasilev(40)Trojan, S-ro Vasil C. Gaŝevski, Trojan (100). Kune sepcent levoj.

### KALKULO

**pri Fundo por helpi Familion Zamenhof**
**31 Decembro 1940.**

| (En svisaj frankoj) | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|
| Kolektita mono laŭ raportoj 1—6 | 4283.43 | |
| Kosto de la kolekto: | | |
| 1. Papero, kovertoj | | 146.65 |
| 2. Afranko | | 251.22 |
| Dokumentoj, fotokopioj k. a. | | 33.20 |
| Telegramoj | | 11.80 |
| 24 pakaĵoj de nutraĵoj | | 265.35 |
| Monsendo no. 1. Dec. 1940 | | 126.75 |
| | 4283.43 | 834.97 |
| Saldo kalkula bonhavo 31. 12. 40 | | 3448.46 |
| | 4283.43 | 4283.43 |

### Bilanco

| | Aktivo | Pasivo |
|---|---|---|
| Kalkula bonhavo jarfino 1940: | 3448.46 | |
| Kurzperdo sur franca mono | | 408.— |
| Disponebla mono kontlibreto 11766 Svisa Banka Societo | | 2006.70 |
| Mono en eksterlando, parte blokita | | 1033.76 |
| Frk. sv. | 3448.46 | 3448.46 |

—

La supraj sumoj rilatas al la mono pri kiu povis disponi la Centra Oficejo en Genève, dum la unuaj monatoj de 1940. Je la jarfino 1940, ne plu estis disponebla la kolektita mono en Britujo, en Nederlando, en Belgujo, kaj en kelkaj aliaj landoj. La kalkula bonhavo de tiu ĉi mono, parte blokita sumas 1033.76. Tial la administrado de la Fundo povas praktike disponi nur pri la mono troviĝanta en Ĝenevo: Frk. 2006.70.

Por 1941 estas antaŭvidata sendi 104 pakaĵojn kun 300 kg. kune da neta enhavo. Kosto proksimume 1500 frankojn. Plue ni antaŭvidas sendi ĉiumonate 100 markojn, kio kun la ceteraj kostetoj sumas egale 1500 frankojn. Tiel la bezonata mono estas fr. 3000!— En la venonta numero de ESPERANTO sekvos pliaj informoj.

**Universala Esperanto Asocio**
**Esperantista Interhelpo**

Genève, 15 Februaro 1941.

# Tra la gazetaro




La posedpreno de la Baltaj Ŝtatoj per la U. R. S. S. ŝanĝis ankaŭ la staton de la Esperanto Movado en tiuj landoj. En artikolo „La nunaj kaj estontaj taskoj de la estona Esperantistaro" de la estona esp. gazeto, ni legas:

„La estona Esperanto-movado suferis multe dum la estinta plutokrata reĝimo. Niaj reakciuloj neniel ŝatis la internacian kunlaboron de laborantaj homoj; ili ankaŭ timis la malkovron de siaj koruptaĵoj. Tial ili per ĉiaj rimedoj penis malhelpi la disvastigon de internacia helplingvo kaj malfaciligis diversmaniere ankaŭ la agadon de EAE kaj lasis la esperantistojn laŭtlegi paroladojn kaj sciigojn, preparitajn de la Ŝtata Propaganda Oficejo.

Nun falis la muroj de la reakcio, kaj ankaŭ la Esperanto-movado povas servi sian altan ideon — helpi al la disvastigo de internacia solidareco.

Mi esperas, ke la estona esperantistaro, kiu ĉiam apartenis al la vicoj de progresuloj, nun tutkore junĝiĝos al la disvastigo de vera informado pri la cirkonstancoj en Estonio kaj per tio kunhelpos al la gvidantoj de la nuna reĝimo efektivigi siajn taskojn; mi same esperas, ke la novaj cirkonstancoj per si mem kunhelpos al la efektivigo de la animo de Esperanto — internacia solidareco inter la homoj en la tuta mondo.

**Neeme Ruus**,
Ministro por Sociaj Aferoj

★

Jes, la Esperanto-movado sur la teritorio de Estonio komencis nun novan periodon de sia agado. Nek en la unua periodo, sub la regado de la reakcia cara Ruslando, nek en la dua, en la komence liberaltendenca, sed poste ĉiam pli kaj pli reakciiĝinta sendependa Estonio, Esperanto povis disvastiĝi normale — la oficialaj rondoj ne subtenis, sed nur iel toleris Esperanton, timante ĝin ne malprave kiel kontraŭulon de la ĉiarimede propagandataj ŝovinismaj movadoj; speciale malfavore oni rilatis kompreneble al la pure laboristaj Esperanto-societoj, fermante ilin unu post la alia kaj persekutante iliajn anojn.

La 21-an de junio la malnovaj reakciaj regantoj de nia lando devis cedi sian lokon al nova registaro, subtenata de la laboranta popolo en Estonio, kaj la 21-an de julio la novelektita parlamento proklamis nian hejmlandon Estona Soveta Socialisma Respubliko kaj decidis aliĝi al U. S. S. R. Esperanto-Asocio de Estonio, kuniganta en si diversnaciajn kaj diversprofesiajn progresemajn reprezentantojn de la loĝantaro de Estonio, salutas ĉi tiujn decidojn, esperante, ke la spirito de internacieco, reganta en U. S. S. R., estos fruktodona grundo por la kreskigo kaj florigo de la internacia lingvo Esperanto ankaŭ inter niaj samnacianoj. EAE ĝojas, ke baldaŭ falos la ĉina muro, kiu dum longaj jaroj apartigis la estoniajn esperantistojn de la Eseranto-movado en U. S. S. R., kaj ke EAE povos kune kun la aliaj popoloj de U. S. S. R. labori por la ideo de Lingvo Internacia.

La cirkonstancoj en la mondo, ĉefe en Eŭropo, multe ŝanĝiĝis dum la lasta jaro — kelkaj landoj aŭ plene malaperis aŭ almenaŭ parte perdis sian sendependecon, kaj neniu scias, kio okazos ankoraŭ estontece. Kia estos la sorto de la internaciaj organizaĵoj — UEA, IEL, SAT, TAGE, Internacia Cseh-Instituto de Esperanto k. s.?

Vere, multo ŝanĝiĝis,

La lastatempaj okazaĵoj en la politika vivo de Estonio multrilate influos ankaŭ la esperantistan vivon. Ĝis nun la ĉefa tasko de la Esperanto-movado en Estonio estis: gardi la fajrerojn de la esperantismo dum tempo, kiam ĉiuj pli-malpli sendependaj pensoj estis persekutataj kaj malpermesataj. De nun la celo de la esperantista movado en Estonio devas esti: batalo por la efektivigo de la esperantisma kulturo. Do necesas direkti la movadon tiel, ke ĝi efektive povu partopreni la solvadon de problemoj, estiĝantaj inter la diversaj popoloj, kiuj estas ligitaj per ligo de unueca ŝtatsistemo kaj per ligo de unueca ekonomia sistemo, sed kies lingvoj kaj kulturoj estas diversaj.




OFICIALA ORGANO DE

SVISA ESPERANTO SOCIETO

La kvara numero, decembro 1940 enhavas pripensindan ĉefartikolon de A. B. kiun ni reproduktas:

„Ĉiu el ni esperantistoj sentas kaj spertas, kiel Esperanto suferas dum la nuna milito: la komunikoj estas interrompitaj, kongresoj neeblaj, komerco de Esperantaĵoj malhelpata, eldono de libroj tro riska, kolekto de internaciaj kotizoj barata. Ni konsolas nin per la penso, ke post la milito ni denove povos labori sur la internacia kampo kiel antaŭe, kaj ke se ni eltenas nun, la rekonstruo de la movado estos facile farebla. Sed ĉu ni ne trompas nin mem per tiu penso? Tial ni ekzamenu la ebliecojn, kiujn Esperanto havos, kiam denove paco lasos nin labori en trankvileco.

Prezentiĝas alternativo: Kio okazas, se Germanujo venkas? kaj kio okazas, se Anglujo venkas?

Se Germanujo venkas, ĝi formos specon de Paneŭropo sub germana konduko. Kia tiu Paneŭropo aspektos kaj kiom da memstareco la unuopaj popoloj en ĝi ankoraŭ havos, ni ne povas prijuĝi, kaj tio nun ne estas la temo; sed nin interesas, kiun rolon Esperanto povos ludi en tiu germana Eŭropo. Tiun demandon ni jam nun povas respondi kun certeco: neniun rolon. La gvidanta lingvo estos la lingvo de la venkinta popolo, t. e. la germana, kaj en certa grado la itala. La angla lingvo estos ekster konkur-

so kaj la franca kondamnita al negraveco. La germana registaro malpermesis en sia lando Esperanton samkiel ĉiujn aliajn internaciajn lingvoprojektojn. (Estas notinde, ke Esperanto ne malpermesiĝis ĉar ĝia aŭtoro estis judo, sed ĉar ĝi estas internacia komprenilo). Tiu malpermeso celis en unua linio malfortigi la internaciajn ligilojn de la germana popolo sed en dua linio ĝi celis forigi konkuranton de la germana lingvo sur la monda kampo. La germana lingvo volas mem ludi la rolon de internacia lingvo kaj ĝi en la oriento de nia kontinento jam ege progresis en tiu direkto. Pro tio Esperanto ne havos lokon en la germana Eŭropo, kaj kiu kredas, ke Esperanto foje denove estos permesata de la tria regno, nur montras per tio sian profundan nekomprenon de la aspiroj de tiu regno. (Se Esperanto hodiaŭ posedas ankoraŭ iom da vivebleco en la de Germanujo konkeritaj landoj ekz. Nederlando, tio nur estas preliminaria ŝtupo: ne ĉiuj malpermesoj estas samtempaj, kaj se io hodiaŭ ankoraŭ havas rajton, tio ne sekurigas al ĝi la futuron).

Nun la alia flanko. Supoze ke Anglujo venkas, kio okazos? La politika memstareco de la malgrandaj popoloj estos garantiata. Eble ili estos ankaŭ unuigitaj iel en paneŭropa federacio, sed en tiu federacio ne unu nacio estos sola gvidanto, sed ĉiuj partoprenos samrajte. Kompreneble tio estas nura supozo, ĉar la angloj kaŝas siajn planoln por la estonteco. Kompreneble la angla lingvo per angja venko, akiros al si novan renomon kaj fortigus sian rolon, sed Esperanto ankaŭ havus sian ŝancon. En Anglujo Esperanto nek antaŭ nek dum la milito estis malpermesata kaj nombras eĉ multajn adeptojn, do ĝi almenaŭ oficiale ne devas timi ion de la angloj. La diversaj nacioj de Eŭropo sentos post la milito pli ol iam la bezonon de kooperado kaj reciproka kompreno, kaj en tiaj cirkonstancoj Esperanto povos havigi al si la rolon, kiu al ĝi decas. Certe venko de la angloj ne garantias ion ajn al Esperanto, sed ĝi lasas al ĝi eblecon, dum ke venko de la germanoj certigas ĝian pereon almenaŭ en Eŭropo.

Ĉu la bezono de la aliaj kontinentoj, parte eĉ ne civilizitaj, sufiĉas por sukcesigi Esperanton ekster Eŭropo? Estus esperinde, sed kiu riskas ne dubi pri tio?

Restas ekster ĉi tiu kalkulo pri la futuro la ebleco, ke nek Germanujo nek Anglujo gajnas la militon, sed ke ili faros kompromison aŭ iu neatenditaĵo okazos. Pri tio oni hodiaŭ ne povas diri ion certan; kaj intence ĉi tie estas prezentataj nur la du klaraj priskribitaj eblecoj. Povas ŝajni al iu la bildo de la estonteco ne klare vidata en ĉi tiu artikolo, bone, li verku artikolon por pruvi ke lia opinio estas pli ĝusta.

Sed kio gravas, estas ke ni formu al ni opinion. Aŭ ĉu ni laboru plu metante la kapon en la sablon kaj ne pensante pri la futuro kaj ĝia influo, kiun ĝi havos por la fruktoj de nia laboro? Nun estas trankvila momento en nia movado, kiun ni utiligu por pripensi nian situacion.

A. B.

# LA PRAKTIKO

Kiam ni presigis la sesan numeron de 1940, venis kiel kolombo el ĉielo, kvarpaĝa „milita" numero de „La Praktiko", la instrua kaj amuziga gazeto, redaktata de Andreo Cseh. Kaj dum Januaro venis unu sendaĵo, la numeroj de Julio, Aŭgusto kai Septembro. Tiu lasta okpaĝa.

Nature oni ekscias aron da novaĵoj el ĉi-tiuj gazetoj: Ni legas:

Mikaelo Sàrossy, la hungara esp. kantisto havis gravan malŝancon dum la bombardado de Rotterdam, kaj povis savigi nur tiel, ke li lasis ĉion, valoran objektaron artistan. S-ro Walter Stein, bofilo de Gesinjoroj Isbrücker, servis kiel aviad-oficiro kaj estis vundita, sed ekster danĝero.

La Esperanta vivo ne estas malhelpata, kursoj kaj kunvenoj okazas regule.

„La Praktiko" daŭrigas aperi regule. Pro la plifaciligo de la poŝtrilatoj, abonoj estas sendeblaj el preskaŭ ĉiuj landoj, escepte Britujo, Francujo kaj ties kolonioj. Ankaŭ la libroservo de „La Praktiko" funkcias normale.

# Ο ΕΛΛΗΝ ΕΣΠΕΡΑΝΤΙΣΤΗΣ

ΔΙΜΗΝΙΑΙΟΝ ΟΡΓΑΝΟΝ ΤΟΥ ΕΛΛ. ΕΣΠΕΡΑΝΤΙΚΟΥ ΣΥΝΔΕΣΜΟΥ

La novembro-decembra numero de la Helena Esperantisto atingis nin, meze de Decembro 1940. La ĉefartikolo estas dediĉata al la milito: Plej supera leĝo, la defendo por la savo de la patrujo ĝis nia plej lasta sangoguto. Cetera enhavo, plejparte greklingva, montras, ke la helenaj samideanoj ne malkuraĝiĝas.




Venis subite kun ampleksa poŝto el Britujo, ie restinta, la numeroj de Julio — Aŭgusto kaj de Septembro — Oktobro 1940, leginda artikolo pri la Biblioteko de la Brita Asocio kaj pri la malhelpo nuna daŭrigi prilaboron. „En Dunkirk, sub la bomboj", artikolo pri personaj travivaĵoj de samideano E. Houzé, el Malo-les-Bains, kiu transbordiĝis al Britujo, post la giganta katastrofo en Francujo.

En artikolo pri la Zamenhofa Monumento Sinjoro J. D. Applebaum, raportas pri la stato de tiu ĉi afero. Paroli hodiaŭ pri monumento sonas vere kiel rakontado pri pasinta tempo, fabelo. En la kaso restas ankoraŭ 66 funtoj sterlingaj, kiujn oni transdonis al IEL por konservi ĝis post la milito. Ĉu ne estus pli bone, dediĉi tiun ĉi monon al la savo de la familio de nia majstro, pri kies mizero oni laŭŝajne nenion scias.

La kolekto favore de Familio Zamenhof en Britujo, atingis sumon de L. St. 88.12.6. (Gratulon).

★

Ricevitaj gazetoj: Arbetar Esperantisten — Laborista Esperantisto el Svedlando: Decembra numero.—Renovigo, dulingva revolucia gazeto, Novembro 1940, el Meksiko,— Pernambuco Esperantista, Septembro — Oktobro 1940. — LA ESPERO, sveda Esperanto gazeto, Decembro 1940. — Argentina Esperantisto, Februaro — Aprilo 1940. — Pensamento, portugala revuo, regule enhavas artikolon pri kaj en Esperanto. La numero 155 decembro 1940, enhavis artikolon „Esperanto kaj milito" kaj simpatian nekrologon pri Ed. Stettler, ambaŭ verkitaj de Manoel de Freitas, Porto. — Karpata Dimanĉo, Ungvar. — Provenca Stelo (Sept. Okt.) — Brazila Esperantisto Julio — Septembro). Nia parolilo (Svedujo) — Tempo (Julio) — Voĉoj el Oriento — (Aŭgusto) — La Juna vivo (Nederlando, Aŭg. Sept.) — La Suda Stelo (Oktobro - Nov. - Dec.) — Comprendre — (Lyon, Decembro).

# Premioj de UEA dum 1941

1. **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 31 Majo 1941 (por la jaro 1941).

2. **Premion** rajtas elekti ĉiu nova ano dum daŭro de l'administra jaro 1940, ĝis 31 Decembro 1941.

3. **Premion** de varbado rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio, dum la kuranta administra jaro.

**Premion** de Subtenanto rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon. Subtenanto frupaginta rajtas plie la premion de frupago.

5) **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

7) **Premion** laŭ listo 1941 rajtas: Membro kun Jarlibro unu numeron, Membro-Abonanto du. Ĉiam indiku tuj pliajn premiojn, se okaze unue elektita jam elĉerpiĝis. (Litero B = bind: Br. = broŝurita).

1. E. **de Amicis:** Kverko kaj floro. Dunant: Rememoro pri Solferino. En unu volumo
2. **Paul Spaak:** Kaatje. Kvarakta teatrajo B.
3. **Shakespeare:** Makbeto. B.
4. **Tristan Bernard:** Angla lingvo sen profesoro. Komedio. B.
5. **Fr. Schiller:** Wilhelm Tell. B.
6. **Krishnamurti:** Ĉe la piedoj de la Majstro. B.
7. **M. Wolf:** Patreco. Kvarakta socia dramo Br.
8. **H. Hertz:** Jolanto. la filino de l'Reĝo Renato Br.
9. X. X. X Sherlock Holmes en servo de la hispana trono. Br.
10. **Charles Dickens:** Bardell kontraŭ Pickwick. B.
11. **Orzeszko:** La interrompita kanto. Trad. Kabe. B.
12. **Gogol:** La Revizoro B.
13. **Fruictier & Lengyel:** Literatura Biblioteko. B.
14. **Adria Gual:** Mistero de doloro Dramo. Br.
15. **Kabe:** Vortaro de Esperanto. B.
16. **Racine:** Athaljo. Tragedio. B.
17. **Shakespeare:** Kiel plaĉas al vi. B.
18. **Mazzini:** Devoj de la homo. Br.
19. *** Orienta Almanako. Br.
20. **Porchat J. J.:** Sub la neĝo. Br.
21. **Schiller:** La nevo kiel onklo. Komedio. Br.
22. **Swedenborg:** La dogmaro pri la vivo. B.
23. **Mirbeau:** Ili estas frenezaj. Andrejev. Ruĝa rido. B.
24. **Bilz:** Oraj reguloj por la vivado Br.
25. **Malnovaj paĝoj:** el Lingvo Internacia. Br.
26. **Lord Byron:** Ĉielo kaj tero. Br.
27. **Strindberg:** Fraŭlino Julie. Tragedio. Br.
28. **W. Bayle Bernard:** Lia lasta ŝanco. Br.
29. **Conscience:** Blinda Rozo. Br.
30. **Fruictier:** Esperanta sintakso. Br.
31. *** La vendreda Klubo, 11 div. artikoloj. Br.
32. **Charles Richet:** Sokrato Br.
33. **Fruictier:** Kompleta gramatiko kaj vortfarado. Br.
34. **Tolstoj A.:** Princo Serebrjanij. Br.
35. **Ramuz:** Aline. B.
36. **Racine:** Estero, Athaljo (Unu volumo) B.
37. **Carroll:** La aventuroj de Alicio en Mirlando. B,
38. Esp. **Prozajo:** Fabeloj, noveloj, skizoj. B,
39. **Shakespeare:** La venecia komercisto. B.
40. **Tatterley:** La Historio de mortinto. B,
41. **Goldsmith:** Ŝi kliniĝas por venki. Komedio. B.
42. **Shakespeare:** La Ventego. B.
43. **Shakespeare:** Julio Cezaro, Tragedio. B.
44. **En Svislando.** Kvin rakontoj. B.
45. **LINGVO INTERNACIA.** Literatura Aldono. B.
46. **Kelkaj floroj:** Esperantaj Legajoj. B.
47. **Fratoj Grimm:** Elektitaj Fabeloj. Br.
48. **Bulgara Antologio.** Br.
49. **Pola Antologio.** Br.
50. **Conscience:** Blinda Rozo. Br.
51. **Hebbel:** Gyges kaj lia ringo. Br.
52. **Lessing:** Natan la saĝulo Br.
53. **Esperantaj prozajoj.** Fabeloj., noveloj, skizoj. B.
54. **L. Dalsace:** Fatala ŝuldo. Br
55. **Kivi A.** La botistoj, Fianĉiĝo, Lea Du vol. Br.
56. **Ivan H. Krestanov:** El la proksima oriento. Br.
57. **Paul Boulet:** Du mil novaj vortoj. Br.
58. **Hebbel:** Minna de Barnhelm, Komedio. Br.
59. **Kabe:** Unua legolibro. Br.
60. **Andersen:** Bildolibro sen bildoj.
61. **H. Heine:** Atta Troll. Kart.
62. **Lejzerowicz:** El la verda biblio.B.
63. La verda gvidlibro: Milano kaj lagoj de Lombardio. B.
64. **J. Wolski:** Ĉu ĝi estas nur fabelo? Kooperativa romano. Br.
65. **R. Schwartz:** Prozo ridetanta. Br.
66. Esp. Biblioteko internacia: kvin volumetoj kune. B.
67. Esp. Biblioteko internacia: kvin volumentoj kune. B.
68. La tria, Notoj pri la Tria kongreso. Br.
69. **Mazuranic:** La morto de Smail Ada Ĉengijiĉ. B.
70. **Edmond Privat:** Historio de Esperanto. 1887-1900. Kart.
71. **Voltaire:** Kandid aŭ la optimismo Br
72. **Penndorf:** Grekaj papirusoj; Van Eeden: La malgranda Johano Du volumoj el Biblioteko Tutmonda. Br
73. **Baudouin:** La arto de Memdisciplino. Karinthy: Norda Vento. Merimée: Mateo Falcone, Tri volumoj el Biblioteko Tutmonda. Br.
74. Bratescu—Voinesti: Niĉjo Mensogulo Van Eeden, La malgranda Johano. Du volumoj el Biblioteko Tutmonda
75. La vojaĝoj kaj aventuroj de Barono Münchhausen, Karinthy: Norda Vento — Du volumoj el Tutmonda Biblioteko
76. Elementa Fotografa Optiko, Iniciado matematika. Du sciencaj broŝuroj.
77. H. Drummond: Kvin paroladoj. (Kristanismo) Br
78. Floretoj. Porinfanaj rakontoj. Br
79. Aymonier: Une langue vivante artificielle. Br,
80. B. Kotzin: Historio kaj teorio de ido. Detala studo. Br
81. Ivan H. Krestanov: Bulgara lando kaj popolo. Br
82. Julio Baghy: La vagabondo kantas, Petöfi: Johano la brava
83. Slowacki Mazepa. Tragedio (trad. Grabowski) Br.
84. Migliorini: Esperanta legolibro. Br
85. ZAMENHOFA Legolibro. Br
86. Italo Toscani: Rakontoj por geknaboj. Br,
87. La floretoj de S-fa Francisko, trad. Pizzi. Br.
88. Julio Baghy: Viktimoj. Br
89. S. Grankamp: Ĉu vi aŭdis tion? Anekdotoj. Br
90. Takeo Arisima: Senbedaŭre amo rabas. Br
91. Lagerlöf: La junulino de Stormyr.Br
92. Lagerlöf: La mono de Sinjoro Arne. Br
93. Sinha: Bengalaj fabeloj. Br
94. Charles Richet: Sokrato, Tragedio
95. Fruictier: Kompleta gramatiko kaj vortfarado. Br
96. Kvin volumetoj el Esperanta Biblioteko Internacia: Nordgermanaj rakontoj (La Instituto Milner) Reperantoj) (Sinjoro Herkules) (El Komedioj). Br
97. D-ro Laval: Inter Blinduloj. Br
98. Lessing: Minna de Barnhelm. Br.
99. V. Bredel: Maŝinfabriko N. & K.
100. Tri broŝuroj: Dreyfus: La vangfrapo (komedio). Bilhaud: Solo de fluto

(monologo) Turgenev: Versajoj en prozo, trad. Kabe.
101. Molière: Georgo Dandin, Komedio, Br.
102. Penndorf: Grekaj papirusoj, Bratescu — Voinesti, Niĉjo Mensogulo. Du volumetoj de la Biblioteko Tutmonda.
103. Bossière: Sur la feliĉvojo. Br.
104. Radio por Esperantistoj, Teorio kaj praktiko de la senfadena telefonio kaj telegrafio. Br.
105. Vermandere: Formortinta delsuno rakontito de li mem. Br.
106. Storm: Imenlago. Br.
107. Tom Gallon: Tatterley, la historio de mortinto. Br.
108. Rolandkanto. Trad. D-ro Noël. Br.
109. Karinthy: Morgaŭ matene. Dramo. Br.
110. Madách: La tragedio del'homo. Br.
111. Baghy: Migranta plumo. Br.
112. Vortoj de Profesoro Th. Cart. Br.
113. Frazlibro de la ĉiutaga vivo (German. Esp. (Komercaj leteroj).
114. Racine: Esther. Tragedio. Br.
115. Suess: El „La vizaĝo de la tero". Esperanta psikistaro. La tekniko de la termala kuracado en Aix les Bains. — Nova estonte reganta terapio de diabeto. 4 sciencaj broŝuroj.
116. Krestanov: Bulgara lando kaj popolo kaj El la proksima oriento. Du valoraj verkoj, iom uzitaj.
117. La vangfrapo. (Komedio) Improvizacio de Konrad (Mickiewicz) Grenkamp: Penseroj. Perdita kaj retrovita. Cikado ĉe formikoj. (komedio) 5 broŝuroj.
118. Lessing: Natan la saĝulo. Drameca poemo. Kart.
119. B. de Saint-Pierre: Paŭlo kaj Virginio. Br.
120 Sterhen: Fundamentoj de la kvakerismo B.
121. Ses volumetoj el Esp. Biblioteko Internacia: Instituto Milner: Konsiloj pri higieno. Noveletoj el. Nigra Arbaro. La regado de si mem per konscia aŭtosugesto. Fabeloj de Andersen. Ibsen: Reaperantoj.
122. Musset: Sinjoro Vento kaj Sinjorino Pluvo. Br.
123. Intima fraziudo Kartiudo esp.
124. El Internacia Mondliteraturo: Turgenev: Elektitaj noveloj kaj Doroŝeviĉ: Orientaj fabeloj. Br.
125. Libro de la kvina kongreso de Esperanto. 1909.
126. Swedenborg: La dogmaro pri la vivo· B.
127. Putanam & Bates: Princo Vanc. Pul Heye: Edziĝa festo en Capri. Br.
128. Ŝimunoviĉ: Ano de l'ringludo: Takeo Ariŝima: Deklaracio. Du volumoj el Internacia Mondliteraturo.
129. Beaumarchais: La barbiro de Sevilla. Frenkel: Verdaj fajreroj. Bonsels: Ŝolandro Tri broŝuroj.
130. Internacia Teatrajaro. Redaktis A Kenngoff.
131. Kongresa Jubilea Libro. (La arĝenta libro pri la kongresoj).
132. Fratoj Grimm: Elektitaj Fabeloj.B·
133 Ŝalom-Alehem: Hebreaj rakontoj· Sienkiewicz: Ni sekvu lin. Devjatnin: Plena verkaro. Tria volumo. (Tri broŝuroj).
134. Diversajoj, Rakontoj Molière: L'avarulo. Maistre: Vojaĝo interne de mia ĉambro.
135. Tri volumetoj el Dek cenda biblioteko: 1. Fa fantoma edzino. 2. Rübezahl. 3. Usono.
136. Karinthy: Vojaĝo en Farmidon. Du ŝipoj. Br.
137. Lu ŝin: La vera historio de A. h. Q. El ĉina lingvo, B.
138. Internacia Legolibro 124 p. Br.
139. Laŭroj. Kolekto de originalaj verkoj premiitaj en la Unua Literatura Konkurso de LA REVUO: Br.
140. Svjentohovski: Aspazio. Tragedio. Br.
141. Tri unuaktaj komedioj. Br. La fianĉinigo de sovaĝulineto. Triakta komedio. Br.
142. Remarque: En Okcidento nenio nova. Br. (iom difekta ekstere).
143. Tennyson: In Memoriam. Br. Gvinevero kaj aliaj poemoj. Br.
144 Komercaj leteroj (Berthelo, Lambert) Br. Kurso Tutmonda de la Lingvo Esperanto, laŭ natura metodo. Br.
145. Kvin broŝuroj: Kial Ili estas famaj? Daudet: La kaprino de S-ro Seguin. Trafendita turo. — Advokato Patelin (Komedio) La vangfrapo (Komedio).
146. Shakespeare: Julio Cezaro. B.
147. Multiplika tabelaro. 2 x 1 ĝis 150, 100. B. Kompleta traktado pri la prepozicioj kaj pri la akuzativo. Br.
148 Devjatnin: Plena verkaro, tria volumo. Br. Aldono al la dua Libro de l'Lingvo Internacia. Br. (Fotoreproduktajo).
149. Majakovskij. Per voĉo plena. Poemoj Jaume Grau Casas: La lasta poemo. Br.
150. Litova Almanako. 280 p.
151. Balzac: La firmao de la kato kiu pilkludas: Bonsels Solandro. Br.
152. Vortoj de kamarado E. Lanti. 190 p. Kart.
153. Kolekto de katolikaj libretoj: Preĝareto. Kristo kaj la Ligo de Nacioj. Esperdona Islando. Graco atendanta. Tarcizio. Kiari, romano, 136 p.
154. Ismael Gomez Braga: Veterano. Br.
155. Ilustritaj rakontetoj Internacia Dialogaro. Ĉiutaga vivo. Tri broŝuroj.
156. Norda literaturo. Kolekto de literaturaj verkoj el Norda Eŭropo. Vol. I kaj II, 160 p.
157. Bredel: Maŝinfabriko N. & K. Romano el ĉiutaga laborista vivo, 180 p. — Erdberg: Ĉinaj noveloj. 72 p. — Br.
158. Avila. Priskribo de fama urbo hispana (ilustrita) — L. Krysta: Marionetaj ludoj. — Pri la prononcado de Esperanto
159. Ses numeroj el Esp. Biblioteko Internacia: La instituto Milner, Komerca Korespondo. Nordgermanaj rakontoj Konsiloj pri higieno. Ibsen: Reaperantoj (kompleta), Legolibreto.
160. Hector Hodler, biografio kun serio de liaj artikoloj. Universala Esperanto Asocio en la juĝo de la esperantisto Historia skizo 1908 — 1933 pri UEA. Tri valoraj verkoj. Br.
161. Kroataj poeziajoj, kun literaturhistoria enkonduko. Br. Ŝimunoviĉ: Ano de l'ringludo el kroata literaturo.
162. Ignat Hermann: Fokso Nukso. Memorinda, instrua kaj averta rakonto, B.
163 G. Eekhoud: Servokapabla, Marcus Tuhout. — Verda: Fajreroj, kolekto de versajoj. Br.
164. De Segur: Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj. 210 p. Br.
165. K. R. La reĝo Judea. Dramo en kvar aktoj kaj kvin bildoj. Trad. Devjatnin B.
166. Stan Kamaryt: Filozofia Vortaro. B.
167. Kolekto de diversaj libretoj kelkpaĝaj, kunbinditaj en kvin kajeroj: Ofero de monaho. La puntistino, Libro de Kanto. (Heine) Esp. Perleroj k. a.
168 Vilhém Verner: Homoj sur flosglacio. Komedio en tri aktoj. B.
169. Irving: El la skizlibro. Bertarana: Barbaraj prozajoj. Br.
170. Orzeszko: La interrompita Kanto (trad. Kabe. Molière. La malsanulo pro imago. (trad. Velten). Dua legolibro.
171. Pol-Pomeranio. Informa broŝuro pri la situacio de Okcidenta Polujo (Pola vidpunkto). Br.
172. Kolekto de kvindek belaj turismaj presajoj en Esperanto.
173. Linnankoski: Batalo pri la domo Heikkilä. — Kivi: La fianĉiĝo. Lea. Du finnaj verkistoj. Br.
174. Strindberg: Pario — (Unu akto)· Van Stipriaan Luiscius: Karaktero. — Bonsels: Ŝolandro. Tri broŝuroj.
175. Raimund: La malŝparulo. Sorĉfabelo Bonsles: Solando. Br.
176. Kvar diversaj kajeroj: Nothnagel: La mortado (scienca verketo) Lansel: La Retoromanĉoj (etnografia studo) Teo Jung: La alta kanto de la amo. Jaume Grau Casas: Novaj amaj poemoj.
177. Carlo Goldoni: Kurioza okazajo, komedio. Modrijan Elementoj latinaj en Esperanto. Grenkamp: Pola folkloro kaj popolkanto.
178. Gvidlibro pri Venecio. 142 p. kun mapo: Moraiakarsto: (Grotoj moraviaj) Italaj urboj Montecatini. Tri interesaj gvidlibroj. Br.
179. E. Drezen: Skizoj pri teorio de Esperanto. 2. Pri problemo de internaciigo de scienca teknika terminaro. 3. Analiza historio de la Esperanto Movado. Tri valoraj kajeroj, kune 250 paĝoj da teksto. Br.
180. Petro Den: Kiel fariĝi kreanto facile kaj rapide. B.

## Escepta Premio por Membroj en Svedujo kaj Svislando

**Membro-Abonantoj en la du cititaj landoj rajtas ankaŭ elekti unu premion laŭplaĉe el la tri sekvantaj:**

1. **KATALUNA ANTOLOGIO. Kvincentpaĝa verko· (Vendprezo 10 Frk. sv.)**
2. **La ŝlosilaro de Esperanto. Kolekto de ŝlosiloj en kvardek lingvoj (Germana kaj Ukraina mankas)**
3. **Du diskoj nerompeblaj. 1. Himno esperantista. Bildario el la opero La sorĉa fluto de Mozart. 2. Ario de l'duko el opero Rigoletto (La donna è mobile)**

## Premioj al subtenantoj:

I. Kolekto de Antologioj: Belga, Bulgara, Hungara, Kataluna. Ĉiuj broŝuritaj, 1400 paĝoj da teksto.

II. Tri famaj militromanoj: Bertha von Suttner, For ia armilojn (B) Remarque: En okcidento nenio nova (bindita) La vojo returne (kart).

III. Andreé; Per balono al la Poluso. 412 paĝoj, multaj ilustraĵoj. Bindita.

IV. B. Prus: La Faraono. El pola lingvo tradukis Kabe. (Majstroverko tradukita de majstra stilisto) Lukse bindita 740 paĝoj.

V. D-ro L. L. Zamenhof; Tradukaĵoj de ĉefverkoj el tutmonda literaturo: Hamleto; Ifigenio en Taŭrido; La Revizoro; La Rabistoj; La virineto de maro; Fabeloj de Andersen: Tria parto.

Rabeno de Baharah: La gimnazio; Marto; Georgo Dandin; Genezo; Br. 1350 paĝoj kune.

VI. H. W. Van Loon: Rigardu la teron, 450 p. Multaj ilustraĵoj. Br.

VII. Kolekto de Teknikaj Vortaroj, Arkitektura (Azorin) Farmacia (Rousseau), Filozofia (Kamaryt), Jura (German. Esp. de Liebeĉk), Komerca (Kreuz) Medicina (Briquet) Marista (Rollet de l'Isle) Muzika (de Ménil), Radio: (O. Ginz.)

VIII. Kolekto de dekses verkoj pri la reformo: La vort-teorio de Esperanto (René de Saussure); Fundamentaj reguloj de la Vort-teorio en Esperanto. Historio kaj teorio de ido (Kotzin); Pri reformoj en Esperanto (Artikoloj de D-ro Zamenhof); Kial ido en la rolo de internacia Lingvo ne povas superi la lingvon Esperanto? (Chrisaller): Bedarf Esperanto der Verbesserung? (Christaller); Fonetiko litera (M. Verema); Pri Esperanto, diskutado pri kelkaj ŝanĝoj de ido proponitaj (Aymonier); Teoria Ekzameno de la lingvo Esperanto (sistemo Antido 2): Etude sur la dérivation en Esperanto (Couturat); Autour de l'Esperanto (Aymonier); La Construction logique des mots en Esperanto (Antido). La reformo justigata (Couturat); Faut-il reformer l'Esperanto (Kolowrat); Esperanto und seine Feinde; Esperanto und Ido.

IX. La Revuo. Internacia Monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaborado de D-ro L. L. Zamenhof. Aperis de Sept. 1906 ĝis Julio 1914; 95 kajeroj.

**X. Kolekto de Vortaroj** Vortaro de Esperanto (Kabe) Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto, (Verax). Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien). Jura vortaro German — esp., Radio vortaro kvinlingva, Filozofia vortaro (Kamaryt). Arkitektura vortaro (Azorin) Komerca vortaro (Kreuz). Medicina vortaro (Briquet) plie du ekzempleroj de la sistemaj vortaroj Prof. Hecker, Esp. Hispana kaj Esp. Germana.

XI. Fabiola, rakonto pri la katakomboj, de Kardinalo Wiseman, 422 p., bindita, Jaĉjo Holm kaj liaj amikoj de Van de Hulst. 236 p. (bind) Dante Alighieri: Infero.

XII A n t o l o g i o j: Ĉehoslovaka, Kataluna kaj Svisa (la lasta bindita) belega premio 1500 paĝoj da teksto. Reala valoro sola de tiu ĉi premio estas 30 Frankoj sv.

XIII L. L. Zamenhof; Originala Verkaro; Antaŭparoloj, gazetartikoloj, traktaĵoj, paroladoj, leteroj, poemoj, 604 paĝoj, Lukse bindita.

**XIV Enciklopedio de Esperanto.** Bindita eldono, Ilustrita. Oni rajtas elekti unu volumon de tiu ĉi verko, 1 aŭ 2. Personoj kiuj deziras akiri tuj la duan sin urnu al la C. O. de UEA.

# Homara komuneco

Estas ĝenerala deziro ke post la nuna militego sekvu daŭra kaj pli justa internacia ordo. Multaj esperas pri nova kaj pli bona Ligo de Popoloj, kiu ne povus esti konsiderata precipe kiel organizaĵo inter la diverslandaj regantoj, sed kiu fariĝus vera Ligo de Homaro. Speciale inter angloj kai amerikanoj multaj opinias, ke tiuj popoloj formos ĉirkaŭ sin Union de Demokratiaj Popoloj kaj en Germanujo oni deziras fondi Unuigitajn ŝtatojn de Eŭropo, aŭ de Tutmondo, sub germana gvidado.

Sed stato daŭre pli bona ne estas konstruebla sur diktaĵo de grupo de venkontaj potencoj, sed mem la fundamentaj kaŭzoj de militoj kaj pacoj de venkitoj devos malaperi. Necesas meti fundamenton de daŭra paco; kaj ties kvar bazangulaj ŝtonoj nur povos esti la justeco, la vero, la amo kaj la libereco. La spiritaj valoraĵoj devos trovi indan lokon kaj la krudaj doktrinoj de potenco devas cedi al la principo: ĉion, kion vi volas, ke aliaj homoj aŭ p o p o l o j faru al vi, tion ankaŭ vi faru al ili.

D-ro Zamenhof, la kreinto de la internacia lingvo, Esperanto, donis certajn ĉefprincipojn de pli bona stato interpopola en sia Deklaracio de Homaranismo en la jaro 1913. Ni povas resumi:

1) Kiel homoj ni rigardu la tutan homaron kiel unu familion.

2) Ni devas taksi ĉiun homon nur laŭ lia persona valoro kaj liaj agoj.

3) Ĉiu lando devos plene egalrajte aparteni al ĉiuj siaj loĝantoj, kian ajn devenon, lingvon, religion aŭ socian rolon ili havas.

4) Necesa kondiĉo, por ke militoj inter la homoj iam povu ĉesi, estas, ke oni alkutimiĝu starigi la nomon „homo" pli alte, ol la nomon „popolo, ĉar la sotro nepreciza vorto popolo" ofte donas kaŭzon al ŝovinismo, disputoj kaj malbonuzoj ankaŭ inter la loĝantoj de la sama lando. Tial mi deklaras, ke mi estas unue homarano kaj nur en la dua vico ano de tiu, aŭ alia popolo aŭ lando.

5) En sia privata vivo ĉiu homo devas havi plenan rajton paroli tiun lingvon kaj konfesi religion kiujn li preferas, sed en komunikado kun homoj de aliaj lingvoj aŭ religioj li devos peni uzi lingvon neŭtralan kaj vivi laŭ etiko kaj moralo neŭtrale komune-homaj.

6) Konsciante, ke lingvo devas estii ne celo, sed nur rimedo, ne disigilo, sed unuigilo kaj la lingva ŝovinismo estas unu el la ĉefaj kaŭzoj de malamo inter la homoj, mi neniam devas rigardi mian popolan lingvon aŭ dialekton kiel sanktaĵon, kiel ajn mi ĝin amus, nek fari el ĝi mian batalstandardon. Mia lingvo gepatra estas tiu lingvo, kiun mi en mia infaneco parolis kun miaj gepatroj. Sed krom tiu mi devas posedi ankaŭ tiun neŭtrale-homan lingvon, kiun miaj samtempuloj uzas por rilatoj interpopolaj, por ke mi tiel povu sur senŝovinisma bazo servi al la kulturo neŭtrale homa.

7) Patrioto estas tiu, kiu laboras por la bono de ĉiuj siaj samlandanoj, kian ajn devenon, lingvon, religion aŭ socian rolon ili havas. Tian servadon al la interesoj de unu gento aŭ klaso, kia fariĝas maljustaĵo al aliaj homoj, mi neniam povos nomi patriotismo.

8) Mia patrolando mi nomas tiun landon, en kiu mi naskiĝis, mia hejmlando tiun landon, kies konstanta enloĝanto mi estas; sed en ĉiuj dubaj okazoj mi evitus tiujn neprecizajn vortojn.

9) Ĉiu regno devas, se eble, porti neŭtrale-geografian nomon kaj ne la nomon de iu popolo aŭ lingvo.

Per la neŭtrala internacia lingvo li supozis gravan rolon. En memuaro por kongreso de rasoj (London 1911) li diras i. a.: „Neniaj kompromisaj paliativoj, neniaj sagacaj politikaj kontraktoj donos pacon al la homaro. Sed ju pli la esperantismo fortiĝos en la mondo, ju pli ofte la homoj el diversaj gentoj kunvenados kaj interrilatados sur neŭtrala fundamento, des pli ili kutimos sin kompreni kaj ami reciproke, des pli ili sentos ke ili ĉiuj havas egalajn korojn, egalajn mensojn, egalajn, idealojn, egalajn suferojn kaj dolorojn, ke ĉia intergenta malamo estas nur restaĵo el la tempoj barbaraj. El tiu neŭtrala fundamento kaj nur el tiu fundamento, iom post iom elkreskos tiu estonta, unuigita kaj pure homa homaro, pri kiu revis la profetoj de ĉiuj popoloj kaj tempoj".

Pri la kaŭzoj de la militoj, li diras en „Alvoko al la diplomatoj", en la jaro 1915. „ . . . Sed memoru, memoru, memoru, ke la sola rimedo por atingi tian pacon, estas: forigi unu fojon por ĉiam la ĉefan kaŭzon de la militoj, la barbaran restaĵon el la plej antikva, antaŭcivilizacia tempo, la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj".

Sed por ebligi la efektivigon de ĉi tiuj principoj necesas konkretigi ilin en tian tuthomaran ligon de popoloj, kiu formus la eksteran kadron de ilia realiĝo kaj kiu certigus ĝin por la estonteco. La fundamenton de tia neŭtrala ligo devos meti la neŭtralaj popoloj kaj ĉe ili devos la iniciato por tiu-cela movado eliri de la esperantistoj. Per tio oni relevus du gravajn garantiojn. La principoj de la nova ligo de popoloj estiĝus kiom eble plej justaj kaj krome ĝi ricevus jam de la komenco neŭtralan lingvon komunan, kiu fariĝus grava faktoro por interhoma ligo de nacioj.

Tial ni proponu, ke senpartiaj pacamikoj, kiu legas tiun ĉi alvokon, levu la demandon pri ĝi en kongresoj kaj kunvenoj de ideaj aŭ politikaj organizoj, en gazetoj k.t.p, en tia maniero, ke interesatoj havu okazon anonci sian aliĝon por apogo aktiva aŭ pasiva. Same devus, pere de organoj aŭ membroj de la organizoj esperantaj, la afero esti komunikata al ĉiuj neŭtralaj landoj; kiom eble kun apogo de malnovaj anoj de la Zamenhofa homaranismo kaj ekzistantaj pacorganizoj internaciaj.

Kiam tiamaniere leviĝis sufiĉe forta kaj ampleksa publika opinio, oni povos formi grupojn aŭ rondojn inter la membroj de ideaj organizoj kaj aliaj interesatoj en la lokoj diversaj. Tiuj grupoj tiam povus en ĉiu lando elekti landan komitaton kaj tiuj ĉi kune formus la internacian estraron ĝis kongreso estas kunvokebla.

Cetere la unuaj taskoj de la grupoj estus: ĉiamaniera agado por la homa komuneco aŭ homaranismo kun ĝiaj ideoj kaj organizo; ke ili do por siaj membroj kaj por eksteruloj havigu kaj akcelu internaciajn interrilatojn; kaj ke ili komune, kiel internacia organizo por helpo kaj kunlaboro, devos konforme al la principoj de la homaranismo agadi, rekte aŭ ne rekte, por egaligo kaj forigo de malinterkonsentoj aŭ kaŭzoj de konfliktoj inter diversaj popoloj aŭ sociaj rondoj kaj ke ili tiel por ĉi tiuj, kiel por aliaj celoj esencaj por la organizo, devos lerni kaj disvastigi la neŭtralan lingvon.

Plej proksima tasko por la organizo entute estus, ke ĝi starigu tian fundamenton, sur kiu nova ligo de popoloj firme enradikiĝu inter la homoj kaj ke ĝi cetere akcelu ĉion, kio povus fortigi la sistemon de paco kaj kontraŭigi al la kaŭzoj de militoj, kaj ke ĝi agadu por ĉiam pli granda, aŭ ĉiuokaze kiom eble plej granda kunlaboro inter la popoloj. Ĉar, por ke iu ligo de popoloj estu efika kaj daŭra, necesas ĝin konstrui ne komencante en la supro, sed ĝi devos kreski de interne kaj ekde la fundamento. Ĝi devos esti bazita ne tro grandparte sub perfortaj rimedoj, kiuj ĉiam povus esti rompeblaj, sed precipe ĝi devos esti bazita sur komuneco, simile al la unuiĝo inter la svisaj kantonoj.

Laŭgrade kiom la organizo kreskados kaj plifortiĝos inter neŭtralaj ŝtatoj kaj realiĝos inter ili, ĝi iom post iom povos igi „la lumon de vero" tiom forte radiadi, ke ĝi estu rimarkebla ankaŭ en militantaj kaj diktaturaj ŝtatoj, almenaŭ por esti konsiderata je la militfino aŭ poste. Se tiam la venkonta grupo de potencoj fondos ian ligon de nacioj sub sia propra superrego, la homaranoj havus la taskon dissolvi tiun superregon kaj doni al la ligo tian fundamenton de senpartieco, justeco kaj stabileco, kian indikas la ĉi-supre skizita plano.

Tiu ĉi propono de „batalo kontraŭ bombmaŝinoj kaj pacoj de venko" estas ellaborita en konsiderado al pluraj pli-malpli konataj tiudirektaj programoj kaj devenus el studrondo en la Esperanto-Societo de Upsala. Ni bezonas multe da aktive interesataj kunhelpantoj; ĉiu, kiu opinias, ke tiuj principoj por daŭra paco estas ĝustaj kaj kiu volas helpi por realigi ilin, traduku ilin en sian gepatran lingvon, konigu ilin en societoj kaj ĉie, kolektante sur liston nomojn de kunlaborantoj kaj simpatiantoj, poste organizu agadkomitatojn, grupojn kaj landan centron: ĉio kiom eble en kunlaboro kun esperantistoj (kiel privatuloj) kaj kune kun ĉiaj organizoj, precipe la pacaj. — Interalie la Sveda Sekcio de Tutmonda Kolektiĝo por Paco (Rassemblement Universel pour la Paix) interesiĝas por la ideoj kaj publikigis ilin en siaj monataj komunikoj.

Ĉiu, kiu deziras ion fari por la afero, povas komunikiĝi, provizore, laŭ adreso: F. Linden, Pipersg. 32. IV. Stockholm, Svedlando.

★

Oni ne povas esti justa, se oni ne estas humana.

*

Ne estas homoj pli acidaj ol tiuj kiuj estas dolĉaj pro intereso.

*

Grandaj pensoj venas de l'koro.

Oni ne faras multajn grandajn agojn per nura konsilado.

Vauvenargues.

*Usonano*

# La naciaj tipoj en la politika karikaturo

Multaj popoloj asertas, ke ili devenas de ĉefo, kies nomon ili portas. Simile la moko kaj ŝerco kreas tipon por identigi iun popolon. La politika karikaturo jam frue kreis tiajn tipojn per kiuj oni volas plej trafe karakterizi certan nacion. Tiel la bela Marianne, la dikventra John Bull, la simplanima germana Michel kaj la altstatura malgrasa Uncle Sam, bone reprezentas la kvar popolojn, ĉefaj roluloj en la nuna historia okazaĵo. Gazetleganto vidas tiujn karikaturaĵojn, neniel serĉante la originon de tiuj tipoj. Kaj ilia historio estas ne sen intereso, amuza paĝo en la granda libro de l'homara historio.

John Bull naskiĝis en la jaro 1712. Tiam regis en Britujo la filino de Jakobo II-a, reĝino Anna. Efektiva regantino estis la ambicia Sarah Churchill, edzino de l'duko de Marlborough, kiu pro ŝia amikeco kun la reĝino, povis havigi al la edzo la plej gravajn postenojn. En la hispana heredmilito kontraŭ Ludoviko XIV-a, li fariĝis ĉefgeneralo de la koalicia armeo. Tiu ĉi milito estis tre malpopulara kaj ĉar ĝi neniam volis fini, kreskis la kolero kontraŭ la registaro. En la jaro 1711 la du amikinoj malpaciĝis, la duko de Marlborough devis forlasi sian oficon kaj la porpaca partio ekregis. Tiu ĉi tuj komencis trakti kun la malamiko, kio kondukis fine al la paco de Utrecht 1713, en kiu Britujo rekonis la pretendon de Ludoviko XIV-a por sia dua nepo, Filipo d'Anjou je la hispana trono. Britujo ricevis interŝanĝe de Francujo, la koloniojn Nova Tero, Nova Skotlando kaj la landoj ĉirkaŭ la Golfo de Hudson, plie Ĝibraltar'on kaj Menorca.

Kiam la rolo de Marlborough jam anonciĝis kiel finludita aperis en jaro 1712 pamfleto, direktita kontraŭ li kaj la militpartio. Ĝi titoliĝis: „la subtera justeco". En tiu ĉi satiro estas rakontata sceno el juĝejo, en kiu la diversaj nacioj aperis kiel procesantaj komercistoj, la duko funkcias kiel juĝeja oficisto, kiu je la malkontenteco de ĉiuj faris senfinajn paroladojn. La parolanto por Britujo, nomita John Bull neniel respondas al la tipo de l'moderna anglo sed „coarse, burly form and bluff nature" t. e. lia granda fortika personeco kaj la malkaŝa sinteno, estis tiutempe kiel nun konsideritaj kiel tipe anglaj (la vorto Bluff tiutempe ne havis la sencon de trompo aŭ de erarigo). La figuranto John Bull fariĝis la kunigo de brita maniero. La pamfleto de la anonima verkinto havis tiom grandan sukceson pro tiu ĉi figuro, ke li aperigis daŭrigon „The History of John Bull" en kiu tiu ĉi fariĝis ĉefheroo. Dum longa tempo oni konsideris Jonathan Swift kiel la aŭtoron de ambaŭ satiroj, sed erare. La efektiva verkinto estis la skota kuracisto John Arbuthnot, kiu estis en proksimaj rilatoj kun reĝino Anna.

La origino de la germana Michel havas variajn klarigojn. Laŭ iuj, la figuro originas en la persono de generalo Hans Michel Elias von Obertraut, kiu dum la 30 jara milito estis brava sabrulo, laŭ aliaj ĝi devenus de la arkanĝelo Mikaelo, protektinto de la malnova germana imperio. Komence de la pasinta jarcento ĝi reprezentas la naivan sed bravan simplaniman germanon. Lia atributo fariĝis la nokta ĉapo. Sed nun kiam li interŝanĝis ĝin kun la ŝtalkasko, ne estas ekskludite, ke la vorto „germana Michel" trapasos signifoŝanĝon.

Marianne, la figuro por indiki Francujon, pli precize la trian respublikon, estas de pli frua dato. Ĝia apero estas la jaro 1820. Post la reveno de la Burbonoj sur la trono, fondiĝis en tiu ĉi jaro sekreta organizaĵo, kiu laboris por la reenkonduko de la respublikanaj ideoj de la granda revolucio en Francujo. Tiu ĉi societo kalkulis en la okcidentaj partoj de Francujo multajn amikojn. Ĝi nomis sin la Marianne. La societo interrilatis kun liberecaj kaj radikalaj rondoj de l'eksterlando, antaŭ ĉio kun Londono, tiutempe centro de ĉiuj revoluciaj konspiracioj. Kiel membroj apartenis al la Marianne interalie ankaŭ la itala batalinto por libereco, Jozefo Mazzini kaj la franca politikisto Ledru-Rollin, membro de la provizora registaro post la revolucio de 1848 kaj kontraŭkandidato de Louis Napoleon al la prezidanteco. Post la ŝtata renverso kaj postkiam Napoleono fariĝis imperiestro, li ordonis la dissolviĝon de la Marianne, sed la ideoj kaj la tradicio daŭris en la koroj de multaj fideluloj kaj kiam la lando ricevis novan konstitucion, Marianne iĝis la kutima nomo por la tria respubliko.

Pri la origino de Uncle Sam, la personecigo de la usona popolo, la origino ne estas klare pruvebla. Unu opinio volas kredigi, ke la nomo estas derivaĵo de la komenc-literoj de la ŝtata nomo United States of Amerika. Alia opinio estas, ke la nomo devenas de komercisto Sam Wilson, el la malgranda urbo Troy en ŝtato New York. Li okupiĝis dum milito per la provizigo de la armeo kun viando (1812). Longaj kolonoj da ĉaroj faris la transporton kaj Wilson akompanis la plej gravajn transportojn mem. Pro tio li iĝis populara figuro inter la soldatoj kaj baldaŭ la bonhumora respektinda sinjoro estis titolita Uncle Sam. Pli malfrue la nomo transiris al la proviziga sekcio de l'armeo kaj fine akceptis la sencon laŭ kiu oni ĝin konas nun. Urbo Troy honoris la memoron de ĝia samcivitano per monumento, kvankam li ne distingiĝis per ia heroeca ago. Nenion sciante li iĝis senmorta.

Kompilis: Usonano

## TAGIĜO

Alaŭdo flugas for en la aero pura
kaj kantasper trildir'
dum sia suprenir'.
Alaŭdo flugas for al firmament'lazura.

Kampulo iras for de sia farmbien'
post bovoj kaj plugilo.
Li marŝas kun trankvilo.
Kampulo iras for en roso de l'maten'.

Dum la alaŭdo flugas,
dum la kampulo plugas,
el mia muta kor'
turmento kuras for.

Lucien Thévenin

## Esperantista interhelpo

La Esperantista Interhelpo, servo de UEA prizorgis ankaŭ la sendon de pakaĵoj al eksterlando, ĉefe al internigitoj. Tiu ĉi sendo nun ne estas plu ebla, kio tre ĉagrenas nin, speciale pro la regula servo al Familio Zamenhof. Ankaŭ la sendo el Svislando de vestaĵoj nun ne estas plu ebla pro la komenciĝanta manko.

Nia servo povas peradi pagon de malgrandaj sumoj al civiluloj kaj aliaj personoj en kiu ajn lando. Al personoj en Francujo ni povas transpagi sumojn, ne superantajn unu milon da francaj frankoj monate, je favora kurzo.

Esperantistaj internigitoj

Louis Maglione, interné militaire, Lager Oberwil bei Büren a. d. Aare (Svislando).

Pierre Villard, interné militaire, Section topographique, 67 D. I. Beromünster (Svislando).

(La francaj internigitojj returnis hejmlandon)

Antono Szulachinski, interné militaire, Handelshochschullager, Sirnach (Svislando)

—

Henriko Zimand, pola oficiro, Visegrad, Hungar., (filo de Sinjorino Zimand, longjara esperantistino, D. de UEA en urbo Kolomea, nuna Okc. Ukraino).

—

Moses Zakaschanski, internato di guerra, Campo Concentrazione, Alberobello, Prov. Bari, Italio.

—

Esperantistaj civilinternigitoj

Sinjoro Bernhard Selzer, Interné civil, Les Milles, Bouches du Rhône, Francujo.

(S-ro Selzer de Vieno, multe laboris por nia movado tie, tradukis Nothnagel: „La Mortado", kaj la libron, „La Juda ŝtato" de Th. Herzl.)

—

F-ino Ruth Sandelowitz, Ilot MB, 14, Camp d'internement, Gurs (Basses Pyrénées, Francujo)

(iama Sekretariino de la Berlina E. Gruparo).

—

Esperantistaj rifuĝintoj

El la longa vico de samideanoj kiuj devis forlasi patrolandon, ni publikigas la nunajn adresojn de la jenaj:

S-ino Manjo Gernsbacher, Chancellor Rd., House Zacharia, Jerusalem. (S-ino M. G. organizis la kongreson en Kolonjo 1933).

S-ro Alfred Klein, Ciudadela 1432/10 Montevideo, Urugvajo (S-ro Klein estas viena esperantisto, iama D de UEA kaj forlasis sian landon en 1938).

S-ro M. Movo, 43 rue de Negreneys, Toulouse, H-te Garonne, Francujo (Eks-direktoro de UEA 1936, vivinta en Parizo)

S-ro S. Pragano, nuna adreso: Riele 11, Schalkhaar, Nederlando.

Sinjoro Siegmund Freund kaj edzino (eks-delegito de UEA en Breslau, fidela Zamenhofano, atingis post multaj aventuroj, Palestinon. Nuna adreso: New Clearance Camp. Athlit, Palestino.

## Niaj mortintoj

Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.

Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj en la pasintaj monatoj, aro da komunikoj atingis nin malfrue.

—

**F-ino Susanna Lister Adams**, 92 jaraĝa, fratino de pioniro A. J. Adams, en Hastings, 13 Julio 1940.

**F-ino Estevina de Azevedo Magalhaes**, 35 jaraĝa, 14 Junio 1940, en Niteori, Brazilo.

**S-ro Stefan S. Bobĉev**,—profesoro, juristo kaj slavisto, eksministro bulgara por publika instruado, amiko al Esperanto, Septembro 1940 en Sofia.

**F-ino J van Dam**, Rotterdam, okaze de la bombardado, 14-an de Majo 1940.

**F-ino Emily Dovey**, en Brighton, 3 Septembro 1940. Ĉeestis la unuan kongreson. Anino de UEA n-ro 9655.

**S-ro Edward H. Ede**, en Cardiff, 14-an de Junio 1940, 77 jaraĝa. Kunlaboris al nia gazeto per poeziaĵoj Ano de UEA n-ro 31565 ĝis 1936.

**S-ro John Hesketh**, 77 jaraĝa en Birmingham, Malnova fervora esperantisto, ano de UEA, n-ro 17210.

**S-ro Vasil Iv. Iliev**, membro de la E-societo en Sofia, redaktinto de esp. paĝo en la poŝtoficista gazeto.

**S-ro Patrick T. Keily**, en Alford. Blinda ĵurnalisto, kiu dum la Varsovia kongreso kantis en la pola radio.

**S-ino Sarah Marianne Megahy**, 85 jaraĝa, edzino de bone konitas amideano Basil P. Megahy, DM de UEA 104, 29 Aprilo 1940, Preston.

**S-ino Eliz. Miller**. 83 jaraĝa en Wisbech, fidela anino de UEA n-ro 30056. Amikino de F-ino Priscilla Peckover, fervora kvakerino kaj subtenantino de nia movado, interalie per la financigo de la tuta eldono de l'Biblio.

**S-ro Harry Mortimer**, 27 Majo en Manchester. Eks-ano de UEA kaj fervora subtenanto de BEA

***S-ro Ivan Hr Najdenov***, majoro pensiita, 25 Oktobro 1940 en Sofia.

***S-ro Benoit Peyraud***, rubandfabrikisto, vicprezidanto de la Esperantista Grupo en Saintt-Etienne, iama vic-delegito de UEA, partopreninto de la Unua kongreso en Bulonjo, pro aŭtomobil-akcidento la 15-an de Julio 1940, 65 jaraĝa.

***S-ro Pierre Plotton***, entreprenisto, iama VD de UEA, eks-kasisto de la Esp. grupo en Saint-Etienne, 27 jaraĝa, Januaro 1941.

***S-ro P. G. van Pelt***, samideano el Schiedam, Nederlando, plenuminta soldatan devon sur batalkampo, 10-an de Majo 1940.

***S-ro Hendrik Rikand*** ano de la societo en Tallinn, Estonio.

***S-ro J. W. F. Schoon***, Rotterdam, kune kun sia edzino fariĝis viktimoj de la bombardado, 14.5. 1940.

***S-ro Dirk Soek***, de Hilversum, Nederlando, en batalo ĉirkaŭ Dordrecht, 10-an de Majo 1940.

***F-ino A Spink***, en Stillington, York.

# Universala Esperanto-Asocio

Palais Wilson, Genève, Svislando

1941 Oficiala Informilo N-ro 1

**Komitato de UEA** — Eniras la Komitaton kaj Estraron de UEA: Sinjoro H. G. Rotach, Parkstrasse 42, Wabern (Bern).

La Estraro nun enhavas la jenajn anojn sinjoroj, H. Kürsteiner, (Prezidanto); Renaud Richez (Vicprezidanto); Charles Rosen, H. G. Rotach.

**Presado de** ESPERANTO. — Pro neantaŭvideblaj kondiĉoj, la apero de la sesa numero 1940 prokrastiĝis. Ĝi enhavis aron da preseraroj kaj kelkajn teknikajn neperfektaĵojn, pri kio la presisto petas pardonon, certigante ke la nova eldono estos pli perfekta.

**Sveda teritorio.** — Ni ripetas ke estas nomita ĉefdelegito por la Sveda Teritorio, Sinjoro Einar Adamson, redaktoro, Värmlandsgatan 18, Göteborg.

Ĉiuj pagoj por UEA en Svedlando estu farataj al li, pere de poŝtĉekkonto 44381, Bokförlaget Kosmos, för Universala Esperanto Asocio, Göteborg.

**Jaro 1940** — Dank'al adaptiĝo senindulga al la kondiĉoj, UEA povis fini la jaron relative bone. La efektiva jara perdo ne atingas 2000 frankojn, post necesa amortizo de ekzistantaj provizoj de libroj kaj de materialo. La bilanco aperos en la venonta numero de ESPERANTO.

**Subtenantoj 1940** — Pro manko de spaco ne aperis la nomoj de personoj, kiuj bonvolis aliĝi en 1940 kiel subtenantoj kaj tiel helpis al la plibonstato de la financoj. Al ili ni esprimas koran dankon.

**Kvina kaj lasta listo:**

30. S-ro Willam Douglas, Ayr, Skotlando. (Pro eraro n-ro 30 indikis nomon de H. G. Rotach, jam citita no 16)
41. W. J. Pratt, Monifieth, Britujo.
42. S-ro A. E. Allsop, Baldock, Britujo, Herts.
43. S-ro J. Kozlevĉar, Ljubljana, Jugoslavio.
44. S-ro A. W. Thomson, Bexley Heath, Britujo, Kent.
45. S-ro Jules Wolf, La Chaux de Fonds, Svislando.
46. Sinjorino Tissot-Martin, Basel, Svislando.
47. S-ro Erik Pedersen, Jiderup, Danlando.
48. S-ro Jean Borel, Couvet, Svislando.
49. S-ro Rosario Sgroi, Catania, Italio.
50. S-ro Edwin Sievers, Detroit, Mich. Usono.
51. S-ro Nicholas Deak. Newyork, Usono.
52. S-ro Josef Heim Bucuresti, Rumanujo.
53. S-ro Georges Baire, Boulogne sur Mer, Francujo.
54. S-ro H. Harabagiu, Bucuresti, Rumanujo.
55. S-ro J. L. Mast, Amsterdam, Nederlando.
56. S-ro H. Kürsteiner, Sankt Gallen, Svislando.
57. S-ro Djuro Borošiĉ, Beograd, Jugoslavio.
58. S-ro Bojidar Popoviĉ, Jugoslavio.
59. Dom Slepih, Zemun, Jugoslavio.
60. S-ro Branko Rejšiĉ, Zemun, Jugoslavio.
61. S-ro Radomir Klajiĉ, Beograd, Jugoslavio.
62. S-ro Hans Jakob, Redaktoro de ESPERANTO, Genève

**Dumviva Membreco.** — Deklaris sian aliĝon kiel Dumviva Membro de UEA, pagante 300 frankojn sv.:

S-ro Joseph W. Dubin,

Komitatano de UEA, Philadelphia, Pa.

Kore ni dankas al Sinjoro Dubin, por sia aliĝo kiel dumviva membro. Nia ŝatata samideano decidis plie helpi al UEA kompletigante la kotizon de dumviva membreco ĝis la sumo de Cent dolaroj. Vivu la sekvontojn.

**Jaro 1941** — Malgraŭ la ĉiuspecaj baroj, jam nombro da samideanoj deklaris realiĝi kiel Subtenantoj por la jaro 1941. Dum la redaktado nin atingis jam la jenaj kotizoj subtenantaj de: S-ro Paul Bouvier, Genève, S-ro Edwin Sievers, Detroit; S-ino Albert Jacob, de Thonon-les-Bains, nun en Vence, A. M., S-ino Weigall, San Diego, Cal. S-ro Jules Gilliard, Neuveville, Svislando, S-ro Jakob Schmied, Bern, S-ro Georges Stroele Neushâtel.

## Novaj lokoj kun Delegitoj

En la pasintaj monatoj ne aperis listo pri novaj lokoj kun Delegitoj de UEA. Ni rimarku ankaŭ, ke pro la konfuza situacio en la mondo la varbado de novaj Delegitoj ne ŝajnis utila. De nun ni publikigas regule pri novajn lokojn (ne aperintaj en la Jarlibro 1940). Personoj dezirantaj akcepti la taskon de Delegito, volu ekrilati pri tio kun la Ĉefdelegito aŭ se ne estas, rekte kun la Centra Oficejo de UEA.

**Antony** (Francujo, Seine). —D.: Albert Dauphin, Administranto de la Centra Esperantista Librejo, 51 rue de Bellevue.

**Diósjenö** (Hungarlando, Nograd m.) .—D.: Vegh, Ferenc (Francisko), oficisto.

**Detroit** (Usono, Michigan) .—D.: Edwin Seivers, elektristo, 2016 West Alexandrine Avenne.

**Hudiksvall** (Svedlando) .—D.: Werner Ödegard, ĉefredaktaro, Hudiksvalls Nyheter.

**Remetekertváros** (Hungarlando, Pest m.) .—D.: Némethy Giula (Julio) Mátuás Kir. ut. 11-B.

**Saint Saturnin d'Apt** (Francujo Vaucluse) —D.: René Cuilly, abelbredisto, Fontaine de Guby.

**Szegvar** (Hungarlando, Csongrád m.) .—D.: Czilczer Miklos (Nikolao), lignokomercisto.

**Thun** (Svislando) —D.: S-ino Alice Eberhard, flegistino, Innere Ringstrasse 12.

**Tortozondo** (Portugalo, Beira Baixa). —D.: José Ribeiro, pan-industriisto, Largo da Amoreira.

**Ujpest** (Hungarlando, Pest Pilis Solt). —D.: A. A. Havár, oficisto, Kolzevári ucca 35—8

**Villa Nova de Famalicao** (Portugal, Braga).—D. Manuel Augusto Azevedo librotenisto, „Vila Coimbra".

— —

Geneve, 15 Februaro 1941. Centra Oficejo de UEA.

## Inform-peto

La Delegito de UEA en Bucuresti, H. Harabagiu Str. Eminescu 27, Bucuresti 2, petas bonvolajn samideanojn, lin informi pri la sorto de jenaj familioj:

J. Moskowitz, 69 rue Berthelot, Le Havre S. I., Francujo. Arnold kaj Olga Ornstein, 1 rue d'Ingouville, Le Havre P. Cojocaru, 53 rue des Allemands, Metz.

# Por duona prezo

## Libroj de „Literatura Mondo“

**Favorega oferto. Profitu okazon, akiri valoran literaturon por malalta prezo.**

Verkoj pri la lingvo kaj movado:

**Prezoj en USA dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Henrik Seppik: LA TUTA ESPERANTO progresa kurslibro | —.48 | — |
| K. Kalocsay: LINGVO, STILO, FORMO, pri la vortfarado en Esperanto kaj pri lingvaj problemoj 144 pĝ. | —.35 | — |
| K. Kalocsay — G. Waringhien: PARNASA GVIDLIBRO, AŬ KIEL FARIĜI POETO. Gvidilo por komencaj poetoj 176 pĝ. | —.45 | — |
| K. Kalocsay — G. Waringhien: PLENA GRAMATIKO DE ESPERANTO, grandformata verkego, 500 pĝ. dense kompostita | 1.50 | 1.30 |
| Bleier — Kökény — Ŝirjaev: ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO, Enhavas ĉion sciindan pri Esperanto sur preskaŭ 1000 densegaj paĝoj riĉe ilustritaj, en du volumoj . . . | 3.60 | 3.— |
| Sen ilustraĵoj en unu volumo | | 2.— |
| L. Totsche: DE PAĜO AL PAĜO, Studo pri 12 gravaj verkistoj esperantistaj, 128 pĝ. | | —.30 |
| E. Wüster: KONTUROJ DE LA LINGVONORMIGO | —.45 | — |
| Bleier — Cense: ORA LIBRO de la Esperanto Movado, eldonita okaze de la 50 jara ekzisto de Esp. kun interesaj artikoloj de niaj gravuloj, 240 pĝ. | —.55 | —.36 |
| K. Kalocsay; LA GRAMATIKAJ KARAKTEROJ DE LA ESPERANTO-RADIKOJ 21 pĝ. | | —.10 |

Prozaĵoj:

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Jean Forge: MR. TOT. AĈETAS MIL OKULOJN, detektivromano, 240 pĝ. | —.55 | — |
| Hans Weinhengst: TUR STRATO 4. Romano el vivo de laborista familio, 176 pĝ. | —.50 | — |
| K. R. C. Sturmer: EL LA NOTLIBRO de praktika Esperantisto, penseroj, kontestoj, studetoj, 144 pĝ. | —.25 | — |
| Dr. Edmond Privat: INTERPOPOLA KONDUTO 128 pĝ. | —.45 | —.30 |
| I. Lejzerovič: EL LA VERDA BIBLIO. Satira rakonto pri nia movado. Tre bonhumora, 112 pĝ. | —.25 | —.20 |
| Verkaro de Felikso Zamenhof: FRATO DE NIA MAJSTRO, dukolore presita granda libro 256 pĝ. | —.75 | —.70 |
| Emba: MARIA KAJ LA GRUPO. Laboristtendenca romano, 176 pĝ. | —.50 | —.36 |
| L. N. Newell: BAKŜIŜ. Noveloj el la vivo de Egiptoj, 144 pĝ. | —.50 | —.36 |
| ĈEHOSLOVAKA ANTOLOGIO. Redaktis O. Ginz. Stan. Kamaryt, preskaŭ 500 paĝa | 1.40 | 1,15 |
| Ŝalom Asch: LA SORĈISTINO EL KASTILIO, Historia romano. Tradukis I. Lejzerovič 144 pĝ. | —.45 | — |

Poemaroj originalaj kaj tradukitaj:

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay; STREĈITA KORDO, 192 pĝ. | —.55 | —.40 |
| K. Kalocsay; RIMPORTRETOJ pri esperantistaj famuloj 128 pĝ. | — | —.15 |
| DEKDU POETOJ, kompilita de K. Kaloccsay, 128 pĝ. | —45 | —.25 |
| Dante: INFERO. Trad. K. Kalocsay 352 pĝ. | 1.— | —.80 |

Diversaj verkoj:

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| H. V. van Loon: RIGARDU LA TERON. El la angla G. Saville. Interesega historio — geografio kun tre multaj ilustraĵoj kvarkoloraj. Bela libro, bela donaco, 480 pĝ. | 1.55 | 1.30 |
| Hekler: ARTHISTORIO: trad. K. Kalocsay, kun 150 bildoj 240 pĝ. | | 1.— |
| Brzekowski — Grenkamp: PRI LA MODERNA ARTO, 96 pĝ. | | —.35 |
| Genthon: LA PENTROARTO EN LA MALNOVA HUNGARUJO, kun 100 bildoj, trad. F. Szilagyi, 176 pĝ. | 1.50— | — |
| Aisberg: FINE MI KOMPRENAS LA RADION. Amuza instruo pri la funkciado de la radio, tradukita al 13 lingvoj 128 pĝ. | —.65 | —.50 |
| T. Herzl: LA JUDA ŜTATO. La bazo de la konstruo de Palestino, 144 pĝ. | — | —.30 |
| Slonimski: MIA VOJAĜO EN SOVETIO. trad. Grenkamp, 144 pg. | — | —.25 |

Aldonu 20% por sendkostoj: Krome aldonu 10 cendojn por rekomendkostoj por ĉiu 2 kilograma pakaĵo. Pago en ĉia mono, laŭ meza taga kurzo de l'dolaro. Monon kaj pagon sendu al:

**Universala Esperanto Asocio, (Libroservo), Palais Wilson, Genève, Svislando**